2a Jaro — No 25 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 31 Januaro 1932

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

## Grava kriza demando



Ĉie sur la terglobo terure regas ekonomia krizo, kiu senkompate donas mortbaton al multaj entreprenoj tute nepraj. Ĝi ankaŭ trafas nian verkon: havigi, al la katolikaj esperantistoj, gazeton indan de nia Eklezio kaj movado, — gazeton sen kiu la internacia helpa lingvo ne estus katolikcele uzata.

Tial la demando, kiu nuntempe stariĝas antaŭ nia menso, estas akre jena: ĉu la voĉo de la katolika heroldo silentiĝos en la esperantista mondo, dum la alitendencaj voĉoj daŭre kaj eĉ pli laŭte aŭdiĝos? Ĉu la katolikoj ne plu praktike uzos Esperanton por iliaj internacie frataj rilatoj, tamen pli kaj pli necesaj en tiu tempo de krizo ankaŭ morala kaj spirita? Ĉu nia gazeto formortos? Jes, se vi mem ne tuj helpos!

Nia gazeto jam kuŝas sur sia mortlito. Ĝi ankoraŭ spiras, sed tiel malforte, tiel neregule, ke oni povas prave timi, baldaŭ aŭdi la lastan spireron. Kaj kune kun ĝi malaperos katolika influo en la esperantistaj rondoj kaj efika esperanto-propagando en la katolikaj medioj. La konstruaĵo, kiun ni tiom pene starigis dum sepjara periodo disfalos. Ĉu ni travivos tiun teruraĵon? Jes, se vi mem ne tuj helpos!

Kaj tia okazaĵo kontentigus malamikojn de nia katolika Eklezio kaj ankaŭ la de nia agado kontraŭulojn, kiuj mire troviĝas eĉ en nia propra tendaro, ĉar plejofte ili tute miskomprenas nian celon kaj pro tio alpruntas senmotive al ni nigrajn intencojn, kiujn neniam al ni riproĉas la konscienco. Feliĉe multaj samideanoj konvene taksas nian laboron kaj plene ŝatas nian katolikan gazeton esperantlingvan. La multnombraj leteroj, lasttempe de ni el diversaj landoj ricevitaj, sekve de nia malapero de post la 6 decembro pro manko de financaj rimedoj, evidente tion pruvas. Tial ni esperas renkonti la necesan helpon inter la katolikaj esperantistoj por tute superi la krizon.

La publikigado de *Katolika Vivo* ne estas komerca afero. Ĝi estas nur apostola verko, kiu potage vivas dank' al financa apogo de niaj samideanoj. Kutime tiu financa apogo konsistas plejparte el abonkotizoj. Sed bedaŭrinde multaj el niaj estimataj legantoj nun suferas pro labormanko; ili estas senlaboruloj kaj sekve — malgraŭ sia granda ŝato al la gazeto — ili ne povas repagi la abonkotizon. Aliaj loĝas en landoj, kies registaro malpermesas monsendon eksterlanden, kaj konsekvence ili ne povas sendi al ni sian abonkotizon. Cetere ni ne povas trovi financajn rimedojn flanke de anoncoj, ĉar la internacia komerco estas tute malfaciligata per la doganaj baroj. Mankas al ni ordinaraj financaj rimedoj. Ni do devas serĉi eksterordinarajn, alvokante la monhelpon de ĉiuj.

La financan apogon, kiun ni speciale nun bezonas, certe havigos al ni niaj samkredanoj, varbante anojn por la Komitato de la « Amikoj de *Katolika Vivo* », — sendante sian subtenan abonon, — kaj partoprenante en la monkolektado, kies sumon ni uzos por la daŭra sendado de nia gazeto al niaj senlaboraj abonintoj. Bone notu vi, ke ĉio estas rekte sendota al ni en Parizo, ĉu per bankbiletoj en registrita letero, ĉu per bankĉeko en Parizo pagebla, ĉu pere de nia poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris no 281.40. Sendu vi ion hodiaŭ mem, ĉar morgaŭ povus esti tro malfrue!

Dum sia vojaĝo meze en la Inferaj fakoj, Dânte renkontis la animon de tiu, kiu « diris la grandan rifuzon ». Inter niaj legantoj ne estos iu, kiu, pro la ekonomia krizo, ne plenumos la gravan taskon de fidela abonanto, de sindonema kunlaboranto, de malavara monhelpanto kaj de aktiva propagandisto. Tial ni superos la krizon dank' al ĉies financa apogo, kiun certe al vi repagos Dio, ankaŭ malavare, kaj pro kiu ni jam dankas vin tutkore.

Georges Ramboux, *presbitero.*

P. S. — La administranto tamen aldone sciigas, ke se — nekredeble — *Katolika Vivo* estonte ne plu aperus, la legantoj tiam scius, ke nia alvoko bedaŭrinde ne sukcesis.

*Se ĉiu nuna leganto de* Katolika Vivo *varbus unu novan abonanton, la eliro de nia gazeto estus certigata. Sendu do vi hodiaŭ mem la abonkotizon kaj la adreson de la de vi varbita nova abonanto. Dankon!*

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



Lia Episkopa Moŝto Johano Ludoviko Perez, Grafo de Norengo, el Oviedo (Hispanujo).

*Lia Episkopa Moŝto sendis al ni sian fotografaĵon kun la jena teksto esperantlingva de li mem skribita:*

Kun la plej granda plezuro mi akceptas la membrecon de la Patrona Komitato de la internacia gazeto *Katolika Vivo*, kaj mi benas ĝian direktoron G. Ramboux, kunlaborantojn kaj monhelpantojn.

Gijón en la Pentekosta festo de 1931.

† Juan, *obispo de Oviedo.*

## La instruado en Belgujo

Ekzistas nuntempe en Belgujo 5.103 komunumaj oficialaj lernejoj kaj 3.349 sendependaj lernejoj katolikaj. La ŝtataj geinstruistoj estas 17.404, dum en la katolikaj lernejoj ili estas 13.582. En la ŝtataj lernejoj troviĝas 429.747 gelernantoj, kaj en la privataj katolikaj lernejoj 405.600. Preskaŭ samnombre ol en la oficialaj lernejoj. Tial la ŝtato donas subvencion da 386.543.599 fk. al siaj oficialaj lernejoj kaj 248.712.025 fk. al la katolikaj lernejoj. La socialistoj postulas, ke rifuzata estu de nun la subvencio al la katolikaj lernejoj. Ili pretendas, ke tiamaniere la belga ŝtato ŝparos multon, ne pripensante, ke tiam la ŝtato mem devos konstrui novajn oficialajn lernejojn kaj ankaŭ enoficigi novajn instruistojn. Cetere tia konduto estos tute kontraŭ la libereco de la gepatroj, kiuj laŭ la Belga Konstitucio mem, rajtas elekti lernejon laŭ sia plaĉo por siaj infanoj. Sed la socialistoj sin okupas nur pri kontraŭreligia agado; la liberecon de la homoj ili ne prizorgas.

Jantje.

S. O. S.

*Al niaj abonantoj al niaj legantoj, al niaj amikoj kaj al iliaj familioj niajn tutkorajn novjarajn bondezirojn.*

## Por superi la krizon

Por neniigi la kriz-efikojn kontraŭ nia gazeto, ni 1-e starigas Komitaton de « Amikoj de *Katolika Vivo* »; 2-e ni petas subtenajn abonojn, kaj 3-e ni malfermas monkolekton.

La **Komitato de la « Amikoj de K. V. »** konsistas el ĉiuj katolikoj — esperantistaj aŭ ne — kiuj malavare estos donacintaj subvencion de 1.000 fr. fk., por ebligi la akuratan eliron de nia katolika organo en esperanto.

Ĉiu Amiko ricevos la gazeton kaj eventualajn eldonaĵojn. Plie ĝi ricevos ĉiujare financan kaj moralan raporton pri la gazet-verko.

La **Subtenaj abonantoj** estos ĉiu katoliko, kiu pagos al ni monsumon de 100 fr. fk. Ili ricevos la gazeton kaj espereble ankaŭ iun ajn eldonaĵon.

Por la **monkolekto** ni dankeme akceptos ĉiun mondonacon, eĉ la plej malgrandan. La mono utilos por daŭrigi la sendon de la gazeto al niaj senlaboraj abonintoj.

Ni publikigos la nomojn de la Amikoj, de la subtenaj abonantoj kaj de la donacintoj. Jam hodiaŭ ni plezure povas jam publikigi kelkajn.

**Subtenaj abonantoj**

Lia Kardinala Moŝto Liénart, episkopo de Lille (Francujo), kiu samtempe al ni skribis jenon: « Bonvolu akcepti tion, kiel simpatia signo de Lia Eminenco kaj enkuraĝigo por la de vi farataj klopodoj, por havigi al la katolikoj el la tuta mondo esprimrimedon, kiu povu fari grandajn servojn al la kristana penso. »

Msro Ruch, episkopo de Strasbourg (Francujo).

## Katolikismo en Kongolando

Je la fino de la pasinta jaro estis en Belga Kongo 2.757 liberaj, monhelpataj lernejoj, gvidataj de misiistoj; ili estas vizitataj de 140.438 lernantoj.

La katolikaj misioj kalkulas 662.278 fidelulojn kaj 417.241 kateĥumenojn. En la tuta kolonio laboras 1.623 misiistoj kaj 8 enlandaj pastroj.

E. P.

## Al niaj aŭstraj abonantoj

Kio okazis en Aŭstrujo de preskaŭ unu jaro? Tion ni ne scias. Kion ni scias, tio estas, ke nia abonperanto, S-ro Karl Dürschmid, en Graz, akurate sendis al ni abonrenovigojn, sed ke de post jam longa tempo li ne plu sendis al ni la abonkotizojn. Li ŝuldas al ni proksimume 1.500 fr. fk.

**Sekve ni petas niajn aŭstrajn legantojn estonte nenion plu pagi al S-ro Dürschmid.**

Ni esperas povi baldaŭ malfermi poŝtan ĉekkonton en Aŭstrujo, al kiu ĉiu povos facile sendi monon.

Arta Kroniko

# INDIĜENA ARTO KATOLIKA



La Virgo-Patrino
(kupra statueto — Joruba arto)



Kristo sur la kruco
Kupra artverko el Joruba.

Pastro René F. Guilcher, raportante en la franclingva revuo *Echo des Missions Africaines de Lyon* pri la misia pavilono en la nun fermita Kolonia Ekspozicio de Parizo, rakontas interesaĵojn pri la indiĝena arto kaj pri la katolikaj provoj de tiu primitiva arto. Ni elĉerpis, por niaj ŝatataj legantoj, jenajn pripensojn, kiujn ni povas ilustri per reproduktoj de kelkaj ĉefverkoj, dank' al la afableco de la Direktoro de la jam menciita misi-revuo, al kiu ĉi tie ni publike esprimas nian tutkoran dankon.

### Indiĝena arto

Oni nediskuteble devas akcepti, ke ekzistas plastika arto indiĝena Afriklanda kaj ke ĝiaj manifestadoj ĉefe havas religian karakteron. Kaj la furoro certe troa, kiun spertis la arto nome negra, ne estas tute senbaza. Oni povas akcepti, kiel certaĵo, ke antaŭe estis veraj artlernejoj meze en la indiĝenoj de la Okcidenta Afriko. La perfekto de iaj verkoj, maskoj el malmola ligno el la Ebura Marbordo, fetiĉaj statuetoj, argilaĵoj je belega profilo, malsimplaj mat- kaj tekslaboraĵoj, kaj precipe gravuritaj armiloj inkustritaj aŭ nieligitaj, kupraj figuraĵoj, oraj kaj arĝentaj juveloj prilaboritaj en kruda metalo aŭ filigranigitaj, permesas tion certigi. Ankoraŭ nuntempe ekzistas centrejoj de arta tradicio en Dahomeo (Porto-Novo kaj Ouidah), en Benin (Abeokuta), en Gold Coast (regiono de Kumassio). Bedaŭrinde tiu ĉi tradicio tute malbone konserviĝis. Ĝenerale oni povas diri, ke la plastikaj verkoj de la



La Bona Paŝtisto
Kupra artverko el Joruba.

modernaj aŭ nuntempaj indiĝenaj artistoj ateste dekadenciĝas. La produktoj vere originaj estas sufiĉe maloftaj; kion oni plejofte renkontas, tio estas kopioj pli malpli volaj. La stilistikigo mem, tiu stilistikigo iomete troiga, ofte afekta, kaj pri kiu multaj admire svenetas, estas pruvo de reprodukto, de kopia laboro, eble ankaŭ de teknika sentalenteco, de metia nescio. Vole nevole la ekscesa sim-



La Virgulino
Dahomea arto (Ketu) — Ligna statueto.



Krucifikso
skulptita el ligno — Dahomea arto (Ketu).

pligo, tiel ŝatata de multaj ŝajnige artistoj eŭropaj, estas nur la rezultato de nekapableco, eĉ de nescio; tion diru ni malkaŝe. Se temas pri niaj indiĝenaj artistoj, tio estas ĉefe rimarkebla en la grupoj de kupraj statuetoj devenantaj el Dahomeo, kies masoj estis tiel reduktitaj, ke ili malaperas por lasi lokon nur al skeletoj. La korpa firmigilaro estas reduktita ĝis simpla skeleto. Je ia distanco, la movado desegnas amuzajn siluetojn, sed, ke oni rigardu pli proksime, pli atente, kaj la ravo malaperas; nenio estas elfinita; ĉio estos artifika. Tamen ili estas artaj verkoj, verkoj de arto malpli supera ol kelkaj ĝin pretendas, sed tamen reala kaj kiu atendas nur verŝajne gvidanton por renoviĝi, elastiĝi, perfektiĝi kaj produkti belajn verkojn.

### Provoj de katolika arto

Ni jam diris, ĉe la komenco, ke la celo de la indiĝena arto, almenaŭ kiel ĝi estas kon-



Martiro
Kupra artverko el Joruba.

ata de ni, estas religia. Kompreneble estas do, ke tiu arto estis iam uzata de la konvertitoj por la servo de ilia nova kulto. Tio ja okazis, sed tute eksterordinare, almenaŭ nuntempe. Ĉar por ĉio, kio rigardas la kultobjektojn, la misioj estas dependaj de Eŭropo. Tial oni ne povas rajte paroli pri naskiĝo de indiĝena arto katolika, sed nur pri provoj faritaj de unu aŭ du artistoj. Ĝuste ni reproduktas bildojn de tiuj provoj por ilustri tiun artikolon. Ili estas duspecaj kaj devenas el diversaj regionoj. Dume la kupraj verkoj devenas el Joruba (Abeokuta) en la Beninlando, la lignaj statuetoj devenas el Ketu, en Dahomeo. La aŭtoroj nenion elpensis.

La unuan inspiron havigis bildoj el Eŭropo devenaj. Tio estas speciale rimarkebla en la scenoj de la krucumo. La artisto atente provas reprodukti laŭ sia maniero, per siaj propraj rimedoj kaj laŭ sia tekniko. Tiu tekniko estas tre simpla; Estas la procedo de la vasko, kiun la negro fluigas ĉu en tero (Abeokuta), ĉu en osto de sepio (Dahomeo). Kelkafoje la artisto elpensas novaĵon. Tiel ekzemple en la krucumo, la soldato, kiu najligas Kriston, flirtas super la kruco. Malatento? Tute ne. Ŝtupareto estas nekonata en la lando. Negrulo, kiu grimpas sur arbo, ne bezonas ŝtupareton. Ne pli ĝi estas necesa por suprenleviĝi ĉe la pinto de trunko, kies alteco apenaŭ superas tiun de homo. Por certigi la necesan firmecon de sia laboro, la homo akroĉiĝas per tre ambaŭ piedoj al la krucobrako kaj sin apogas per la ventro ĉe la ĉefa fosto. Verdire la ŝtupareto forigita en ia okazo, kie ni juĝas tute necesa, reaperas en la malleviĝo de la kruco, por kiu ĝi ne plu estas nepre necesa. Kaj tio ebligas al ni tiun diron, ĉu la artisto malhavas logikon en lia koncepto, ĉu li imitas permesante al si kelkajn liberojn. Por reprezenti Jonas formanĝatan de mara monstro, la artisto ne estas kapabla imagi la legendan balenon aŭ gigantan fiŝon, sekve li tute elpensas monstron timindan, kiu havas ŝakalan faŭkon, hipopotaman kapon, rinocerajn kornojn kaj serpentan korpon kun vosto helicforma (helico de ŝipo!), kie oni povas rimarki la influon de Eŭropaj. Tiel precize videbla estas la vario alportita de la artisto al statueto reprezentanta la Virgo-Patrinon. Mario tenas en la dekstra mano trifoliforman ventumilon. La simbolo estas evidenta: estas memorigo pri la mistero de la Sankta Triunuo. Pristudante ĉiun statueton, oni tiele rimarkus sufiĉe multajn detalojn, kiuj estas tipaj kaj propraj al la aŭtoro. Kio estas propra al la lando, estas la vizaĝoj, kiuj estas ĉarmaj: arabeskoj, laŭboj de la hararanĝoj kaj plibeligaĵoj.

La pli kuriozaj el la reproduktaĵoj de ni donitaj estas la lignaj statuetoj: la Virgulino, sankta Josefo kun Jesu-Infano, la krucifikso. La du unuaj estas verko de artisto el Ketu, malgranda vilaĝo en Dahomeo. Li estas simpla kaj naiva lignohakisto, kiu senpretende faris siajn verkojn. La vualo de la Virgulino, ornamita per tre elementa desegno, simbolas purecon. La robo el pantera haŭto de sankta Josefo signifas potencon. La statueto, kiu reprezentas la Virgulinon, havas pli da karaktero ol tiu de sankta Josefo, ĉar, dum por la dua la imita zorgo estas certa, rimarkebla estas, ke por la unua la artisto provis fari personan verkon.

Ĉu oni devas vidi en tiuj provoj pli aŭ malpli sukcesaj, en tiuj kristanaj bildoj, kiel ankaŭ en la nuntempaj produktoj de la profana arto, manifestadon de nova spiritstato? Nepridiskuteble! Nun la negra artisto iom post iom forlasas siajn diojn, siajn mask-



Sankta Josefo
Dahomea arto (Ketu) — Ligna statueto.

ojn. Li ĉesas kredi je efika protektado. Timeme, mallerte li provas sian lertecon pri aliaj konceptoj. Ĉu la novaj ideoj finfine infuzos, al arto tre malforta, novan viglecon kapablan ĝin eligi el tiu imitado, kie ĝi tute embarasiĝas, kaj naski novajn artverkojn originajn? Eble. Sed necese estos longa laboro de reeduko, kiun riskus cetere difekti enkonduko tro rapida, tro perforta de Eŭropaj teknikistoj. La negra artisto posedas grandegan talenton pro la adaptiĝo kaj la imitado. Multaj verkoj jam faritaj tion montras. Ĉu la sanktstatuetoj kopiitaj de la artistoj de Benin-lando aŭ de Dahomeo, kiuj restas ankoraŭ pli proksime de la etnografia arto ol de la pura arto, estas komenco de nova evoluo? Estas tro frue por tion diri.

Eduardo Boissole.

## La kontraŭkatolika agado daŭradas en Litovujo

Jam plu ol unu jaro ni atendas liberecon por la katolika agado, por la katolikaj asocioj por la pastroj kaj katolikoj. Ni atendas... Sed faktoj, bedaŭrinde, montras al ni maloportunecon...

Ĉar la politika situacio de l' ŝtato havas grandan influon al la katolika agado, tial mi memorigos per mallongaj vortoj lastan gravan nialandan politikan okazintaĵon. En nia ŝtato regas diktatoreco sub nomo de demokratio. Eĉ diktatoro S-ro Antanas Smetona sin nomas ŝtata prezidanto, kvankam jam forpasis kvin jaroj, de kiam ne estas parlamento. Laŭ la konstitucio ŝtata prezidanto estas elektata por sep jaroj. Sed la diktatoro, kvankam regis nur kvin jaroj, volis, ke li estu denove elektita, ĉar li klare sciis, ke li povas fari tian leĝon, laŭ kiu li certe estos elektita. Kaj li faris la leĝon, laŭ kiu ĉiuj kandidatoj en « elektitajn popoldeputitojn » (la delegitoj devis elekti prezidanton) estis nur anoj de la registara partio-naciuloj. Tial tia sama « prezidanto » (diktatoro Antanas Smetona) estis reelektita unuvoĉe.

Tia politika fakto malĝojigis ĉiujn litovajn katolikojn. Ĉar ni devos suferi sep jarojn aŭ eĉ pli multe. Kompreneble, ankaŭ la persekutado ĉiam estas pli akra.

Nun estis juĝitaj kelkaj pastroj pro siaj predikoj aŭ pro agado en katolikaj asocioj. Ankaŭ estis arestitaj kelkaj katolikaj studentoj kaj forigitaj kelkaj el la universitato. Ankaŭ en la urbo Šiauliai, la 18 decembro pasinta, estis forigitaj kelkaj gimnazianoj el gimnazio, kiel Čepulis, Tamošaitis, Tamoševičius, Šidlaŭskaite, Drumšlys kaj aliaj.

La plej grava kaj granda katolika ĉiutaga ĵurnalo *Rytas* (Mateno) ne plu aperas depost tri monatoj.

Akra militcenzuro malpermesas al la katolikaj gazetoj presi verajn informojn. Ankaŭ ofte malpermesas katolikajn kunvenojn aŭ kongresojn.

Unuvorte la registaro tiel premas, kiel povas. Sed estos tempo, kiam la vero venkos malveron, la lumo, mallumon.

# La Supera Instruado Katolika en Nederlando

Dum proksimume tri jarcentoj, kiuj sekvis la grandan Reformacion de Luther, ankaŭ katolika Nederlando suferis pro sia kredo. Oni forpelis la katolikojn el la ŝtata registaro, el la instruado; oni faris kvazaŭ ili ne estis nederlandanoj. Sed en la komenco de la XIX-a jarcento komencis aliiĝo. La katolika religio akiris leĝan ekzistrajton. Kaj la unuan duonon de tiu ĉi jarcento oni uzis por reformi ekstere la katolikan Eklezion en Nederlando. Oni komencis konstrui preĝejojn, seminariojn; episkopoj prenis siajn seĝojn, ktp. Oni formis religian bazon ekstere, ĉar interne ĝi estis forminta dum tri jarcentoj da sufero kaj persekutado. Nun ankaŭ la katolikoj povis eniri en la ŝtatan registaron. Kaj tre multe da tempo forflugis ĝis kiam ni trafis la « katolikan ŝtatpartion » de Msro Schaepman, kiun Msro Nolens sekvis kaj kiuj formis nian politikan bazon. Tiu ĉi politika potenco donis al la katolikaj nederlandanoj la egalrajtecon de la konfesiaj lernejoj kun la ŝtatlernejoj, sed nur por la unugrada instruado. Por tio ni havis jam instruistoj kaj la nesufiĉecon de tiaj instruistoj oni baldaŭ malaperigis. Sed ĉe la mezgrada instruado ne ekzistas ankoraŭ tiun tutan egalrajtecon, kaj por la supera instruado ĝi tute ne ekzistas.

Kiam la katolika religio ne regis en la scienca mondo, estis en Nederlando nur kelkaj katolikoj, kiuj estis scienculoj. En la tuta XIX-a jarcento ni, nederlandaj katolikoj, *ne povis* diri kun la franco Montalembert al la liberaluloj de la scienco: « Ni scias ĉion, kion vi scias, kaj ni konas krom tio ankaŭ nian katehismon. » La katolikoj povis ja viziti la ŝtatajn universitatojn kaj kelkaj faris tion. Sed la liberala mezo kaj edukado ne estis bona por ili, kaj la scienculoj ne estis gloraj personoj por la katolikoj. Ĉiam regis ankoraŭ malamo al Katolikismo. Kaj tamen ni devis reakiri la sciencan kampon. El la katolikoj ekstaris personoj, kiuj sin ĵetis en la literaturo, en la arto, ktp. Por si mem oni komencis formi intelektaj rondoj. De tempo al tempo ekstaris vera scienculo katolika, sed li ne sukcesis penetri en la ŝtatajn universitatojn. Kaj iom post iom kreskis la sento, ke *oni bezonis propran rondon*, kiu devas zorgi ke katolikaj nederlandanoj ne dronis en la liberalismo de la scienculoj, ne forlasis nian karan kredon pro la scienco.

Aliaj faktoroj, kiuj kreskigis tiun senton, estis ke oni ne elektis katolikajn profesorojn. Oni devas fari escepton pri Profesoro Beysens en Utreĥto, kiu donis novan ekpuŝon al la skolastiko de sankta Tomaso. Kaj fine ni havis nian lingviston D-ro Jac. van Ginneken, S. J. Kiam estis libera posteno por profesoro pri lingvaj sciencoj en la komunuma universitato de Amsterdamo, oni rekomendis D-ron van Ginneken, kiel « la genia lingvisto » kaj li ne estis elektita pro sia katolika kredo.

Multnombraj katolikoj komencis laboron por la renaskiĝo de la scienco inter la katolikoj. « La decido por la naskiĝo, per kiu nova komenco malfermiĝis, estis la nebrua batalo por propra universitato... La malakcepto de D-ro van Ginneken en Amsterdamo plicertigis, kiel ni devis savi nin mem, se niaj sciencaj fortoj ne perdiĝus plue... Kiam la katolika popolo ankoraŭ nur konsistis el terkulturistoj kaj butikistoj, la unugrada instruado estis sufiĉa, sed depost kiam ĝi ekpartoprenis en la spirita vivo, ĝi bezonis universitaton » (1).

Kompreneble la liberaluloj grandbuŝe parolis pri ekskluzivismo. Sed kie estis la ekskluzivistoj ol precipe inter la liberaluloj, « kiuj monopoligis la sciencon ĝis la tago kiam ni fine imitis ilian principon pri libereco? La universitatoj nomiĝis neŭtralaj, sed estis liberalaj; liberalaj kiel la skoloj de Thorbecke kaj Scholten, liberalaj kiel *La Gvidanto* (literatura revuo), liberalaj kiel la pasinta kulturo, kiun oni regis de la katedroj. La ofendon de separatismo ni povis trankvile malarmigi per la sperto, ke ni katolikoj estis apartigitaj kiel disigitaj unuoloj, sen povi ekzerci ian senteblan forton en la patrujo, ĉar mankas intelekta fokuso, kie la varmo de la kredo elradiis en la lumo de la scienco. La liberaluloj ne ĉesis ripeti, ke ĉiu devas esti si mem; ni ekobservis tiun rajton en propra universitato » (1).

### La Katolika Universitato en Nijmegen

Tiucele oni fondis, la 31 julio 1905, en Utreĥto la Institucion Sankta-Radboldo. En ĝi sidas ĉiuj episkopoj nederlandaj kaj kelkaj eminentuloj. Ĉie en la lando oni trovas korespondantoj, kiuj prizorgas la monkolektadon por la subteno de la katolika universitato. En la gazetaro oni komencis paroli pri la loko de la altlernejo, kaj oni nomis 's Hertogenbosch, Tilburg, Eindhoven, Utreĥto kaj Hago. En tiu tempo la komisiitaro episkopa estis aliiĝinta de klarigado al organizado. De la komenco ĝis la fino la sekretarioj, Profesoroj Schrijnen kaj Hoogveld, estis la kondukantoj. *En la jaro 1923, oni malfermis katolikan universitaton en Nijmegen*, apud la placo de Imperiestro-Karlo. En la sama jaro, ĝi ricevis la egalrajtecon kun ŝtataj universitatoj rilate la gradoj sed ne rilate la financoj. Ĉar la nederlanda ŝtato nur donas 4.000 guldenojn kaj tio estas nur la duono de la salajro de unu profesoro. Estas nun pli-malpli 40 profesoroj, lektoroj, ktp., kaj la domoj; estas do multaj kaj grandaj elspezoj. La lastan jaron oni kalkulis 482 studantoj, kiuj pagas po 200-300 fk. Do entute ni povas diri ke katolika Nederlando pagas mem sian universitaton.

Ĝis nun la universitato nur kalkulis tri fakultatojn: teologia, literatura-filozofia kaj juroscienca. La estraro de la Institucio Sankta-Radboldo regas la universitaton, escepte la Teologian Fakultaton, kiu staras sub juridikcio de la nederlanda episkoparo. Ni mencias ankaŭ kelkajn konatajn profesoroj kiel D-ro Jac. van Ginneken (lingvo kaj literaturo), D-ro H. Huybers (historio † 1930), D-ro J. Hoogveld (filozofio kaj psiĥologio), D-ro F. Roels (eksperimenta psiĥologio), D-ro G. Brom (arta historio), D-ro J. Kors, O. P. (teologio), D-ro F. Brandsma, O. Carm. (teologio).

Ni donos tie ĉi malgrandan statistikon pri la studantoj en la Universitato dum la jaroj 1928 kaj 1931:

| | LAIKOJ Viraj | LAIKOJ Virinaj | SEKULAROJ Viraj | SEKULAROJ Virinaj | RELIGIULOJ Viraj | RELIGIULOJ Virinaj | ENTUTE |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| En 1928: | 216 | 77 | 18 | — | 38 | 19 | 368 |
| En 1931: | 311 | [illegible] | 23 | — | 67 | 8 | 482 |

Ni vidas do ke nia kara « Carolina » kreskas ĉiuflanken. Al tio helpas precipe, ke denove multaj ordenoj kaj kongregacioj ekloĝas ĉirkaŭ la universitata urbo. Ili komencas laŭdindan konkuron en la scienco kiel dum la mezepoko. Rilate al la laikaj studantoj ni citas la transirparoladon de la *Rector magnificus* Profesoro D-ro Drerup al lia posteulo, Profesoro D-ro R. Jansen, O. P., la 22 septembro pasinta:

« Estas ankoraŭ 28 ne-katolikaj studantoj inter la 384 laikoj. Do restas 356 laikaj studandoj. Tio estas triono de la katolikaj laikaj studantoj en la lando. Kiam la universitato estos finita per fondiĝo de la Scienca kaj Medicina Fakultato, ĝi ankoraŭ ricevos trionon. Katolika Nederlando serĉas pli kaj pli siajn kondukantojn inter la intelektulaj laikoj. Tial la plej urĝa postulo por la Institucio Sankta-Radboldo kaj por Nederlando estas la fondo de Scienca kaj Medicina Fakultato. »

Sabaton la 17 oktobro pasinta, oni ceremonie inaŭguris la novan aŭlon de la universitato al la Bijleveldsingel. Tie do estas la komenco de la novaj grandaj konstruaĵoj de la altlernejo. Estis la naŭa *Dies Natalis* kaj la *Rector magnificus* Profesoro D-ro R. Jansen parolis pri aŭtoritato kaj kritiko rilate la katolikan sciencon en Biblio-studado. Denove li akcentis, ke Kredo kaj Scienco ne estas kontraŭaj.

Ĉe la ŝtataj universitatoj la nederlanda episkoparo aŭ la Institucio Sankta-Radboldo organizis privatajn katedrojn por la katolikaj studantoj. Ekzemple Profesoro D-ro Keesom, en Leyden.

Tiel oni zorgis pri la ĝeneralaj superaj sciencoj. Sed estas ankoraŭ alia institucio.

### La Katolika Komerca Altlernejo

En la historio de la katolika universitato ankaŭ partoprenas la « Katolikaj Katedroj » kaj ilia fondinto D-ro Moller (ankaŭ Esperanto-propagandisto).

« Li fondis, en 1912, siajn Katredrojn por prepari siajn samkredanojn al la bezonaj ekzamenoj. Li transloĝigis tiun ĉi institucion de Amsterdamo al la provinco Brabant, ne nur tial ke estis tie pli bone vivi sub la episkopa bastono, sed li malkovris en la Brabantaj landoj trezorojn de sindono, kiuj ne estis ankoraŭ uzitaj en la studado, kaj li montris al Suda-Nederlando, kiaj fortoj en la fidela tradicio de la Kredo nur atendis signon. De 's Hertogenbosch, kie la katolikoj lasis regi la liberaluloj tiel ke la voĉo de Moller resonis kiel en deserto de indiferenteco, li transloĝis al Tilburgo, kie depost la protestanto Schotel nur malmulte da scienco estis parolinta. La komenco al kulturo de Moller estis spirita misio, kiu favoris la religion same kiel la sciencon » (1).

Gunning nomis la psiĥologia-pedagogia institucio de Hoogveld kaj Roels: ia pedagogia altlernejo. Tiun ĉi impreson favoris la aparato de akademiaj titoloj kaj gradoj, per kiuj Moller ŝajnis sugesti universitaton-surpapero. Kaj la diversaj fakrevuoj montris, ke en Tilburgo vivis pli ol vantaj pretendoj. H. van der Velden, kiu kiel studanto, estis kontraŭulo de Katolika Universitato, pensis ke li devas averti siajn samkredanojn, ke Moller estis akiranta ilin per universitato sekrete artefarita el la Katedroj. Sed la decido, por fondi la katolikan universitaton en Nijmegen, liveris seniluziigon por Tilburgo, kiu, esperante ricevi universitaton, multe estis oferinta por Katedroj; sed ĝi ricevis, la 29 aŭgusto 1927, la Katolikan Komercan Altlernejon. Estas nun tie 4 profesoroj, 1 eksterordinara profesoro, 6 lektoroj kaj 5 profesoroj por la preparaj fakoj kaj kompletiga instruo.

La nombro de la enskribitaj studantoj estis dum la unua jaro (1927-28) 28; dum la dua jaro (1928-29) 53; dum la tria jaro (1929-30) 80 kaj dum la kvara jaro (1930-31) 91. En la transirparolado de Profesoro D-ro F. Weve, O. P., al Msro E. Gimbière, la 21 septembro pasinta, li metis antaŭ la okuloj de la studantoj la ekzemplon de Msro Nolens, kiel sociologisto kaj ekonomisto. Kaj li akcentis la teologian instruadon, kiel necesa por la komercaj sciencoj.

La 9 oktobro pasinta, Msro Diepen, episkopo de 's Hertogenbosch, solene inaŭguris la novajn konstruaĵojn por la altlernejo, Bosscheweg, Tilburgo. La antaŭaj estis jam tro malgrandaj.

Ankaŭ por tiu ĉi altlernejo la Ŝtato ne donas ian monhelpon. La nederlanda karitato devas ĝin sole subteni.

C. G. C. de Jong.

(1) Ni citas: *Over de Wetenschap in Katholiek Nederland*, de Profesoro Gerard Brom.

# La Jubileo de Montserrat en Hispanujo



La Benediktana Abatejo de Montserrat

La belega sinsekvo de gravegaj festoj en Montserrat okaze de la 900-jara datreveno de la fondo de la fama Monaĥejo, jus finiĝis.

Estis rozario de perloj la solenaj Pontifikaloj celebritaj de diversaj episkopoj kaj benediktanaj abatoj; la solena malfermo de la muzeoj egipta, aziria, biblia kaj arĥeologia, kiujn vizitis pli ol 150.000 personoj dum la somero; la memoraj festoj: homaĝe de la glora fondinto, abato Oliva, el la Monaĥejo de Ripoll; de episkopo Torras i Bages, la granda amanto de la Monaĥejo; de majstro Nicolau, la fama muzikisto, aŭtoro de la plej belkortuŝaj kantoj montserrataj; kaj de pastro Verdaguer, la glora kantinto de la amo al la ĉiela Reĝino.

Perloj grandaj estis la festo de la datreveno de la « Kunfrataro de Nia Sinjorino de Montserrat »; tiu de la « Libro de Montserrat », la fama eldonejo naŭcentjara; tiu de la « Spiritaj Ekzercoloj »; la belega konkurso de pentrajoj « Montserrat laŭvide de la katalunoj », kun 323 interesaj prezentajoj; la homaĝo de la katalunaj intelektuloj, kiuj en grandformata albumo prezentis belegan bukedon de originalaj verkoj al la Dipatrino. Kaj dum la tuta tempo de la Jubileaj Festoj, kies fino oni prokrastis ĝis la 30 novembro pro la nenormalaj cirkonstancoj, aliris al Montserrat pilgrimoj de ĉiuj urboj kaj vilaĝoj el Katalunujo senescepte, kiuj oferis al la Bruna Virgulino siajn korojn amantajn kaj preĝis por siaj necesoj kaj por la savo de la patrujo.

Estis multaj tagoj kun kvar aŭ ses oficialaj pilgrimoj samtempe, krom la miloj kaj miloj de vizitantoj, kiuj piede, veturile, vagonare aŭ aŭtobuse iradis viziti la Reĝinon de la kataluna lando.



Nia-Sinjorino de Montserrat

Certe ne estis feliĉa por Hispanujo tiu ĉi jaro; sed por tiuj kiuj vizitis Montserrat estis glora jaro, ĉar krom la spiritaj indulgoj jubileaj, ili plifortigis sian fidon, sian esperon kaj sian kariton ree kristanigante sian provivon.

La Jubilea Jaro de Montserrat finiĝis; kaj de la majesta trono de la « Brunulineto » (tiel nomas la katalunoj sian Reĝinon ĉielan Mario), falis aro da rozoj parfumantaj nian landon, beno koratinga kiu refreŝigis kaj refirmigis la homojn...

Hiacinto Figueras.

### La katolika gazetaro kaj la nia

La Pollanda gazeto *Dziennik Gdynski*, en sia numero de la 27 novembro, reproduktis: « Katolikoj en la angla parlamento ».

La *Katholische Sonntagsblatt für die Diöcese Breslau* (Germanujo), en sia numero de la 29 novembro, reproduktis tri artikolojn el K. V. de nia samideano Paul König tradukitajn: « Kakolika Franca junularo helpas germanajn senlaborulojn », « Frudiservoj en Munĥa ĉefstacidomo » kaj « Sankta Meso por la paco en Essen ». En sia numero de la 6 decembro, la sama gazeto represis artikolon pri sanigo de mort-malsanulo, kiu mirakle okazis post interrilato kun Konnersreuth.

En la flandra gazeto *De Morgenpost*, de la 15 novembro 1931, aperis artikolo eltirita de K. V. (25 okt.): « La Germanaj katolikoj volas la pacon ».

La *Apostolatus maris*, gazeto de la Katolika Federacio Internacia por maraj verkoj, kiu eliras ĉiumonate en kelkaj lingvoj, reproduktas, en sia decembra numero, kelkajn informojn el nia gazeto kaj ĉefartikolo de Pastro Ramboux: « Soveta Konfeso », sub la titolo « Katolika Vivo ». La tuto estas en esperanto.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris n° 281.40

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritato.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

2a Jaro — No 25 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 31 Januaro 1932

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia



## Laika Apostolo en uniformo

La 5 decembro 1930, oni rememoris la okazajon, ke antaŭ 75 jaroj mortis en la belga urbo Huy, nur kvardekjara, la kapitano de la milita inĝenieraro kaj komandanto de la fortikajo Henriko Huberto Belletable.

Post lia morto la belgaj gazetoj dediĉis laŭdantajn artikolojn al tiu katolika eminentulo « unu el tiuj herooj, kiu estas la honoro kaj la forto de la armeo, kaj kiu scipovas servi kun la sama fervoro Dion kaj la patrujon ».

Ni ne scias, ĉu ankaŭ la nederlandaj katolikaj gazetoj dum tiu tempo honoris lian rememoron. Tamen li meritis tion. Belletable estis naskita nederlandano, kaj de lia granda faro je la utilo de centmiloj profitis precipe Nederlando. Belletable ja estas la glora fondinto de la ĉefkongregacio de la Sankta-Familio.

Kapitano Belletable naskiĝis en Venlo la 8 aprilo 1813. Kiam, en 1830, komencis la belga ribelo, li estis furiero (milita provizisto) de la garnizono de Maastricht. Kiam tiu ĉi estis disigita, li revenis al sia patrino en Venlo. Dum marto 1831 li denove foriris por fariĝi militisto, laŭ la deziro de sia patrino en la nederlanda armeo; sed kelkaj amikoj, kiujn li renkontis, kredigis al li baldaŭan promocion en la belga armeo, kaj li subskribis en Liége.

Kion li estis konservinta en Maastricht de la bonega eduko de sia patrino, tion li perdis en Liége; rilate al la religio tiel same kiel al la moraleco li tute pereis.

Sed kiam patrino preĝas kaj preĝadas, malboniĝinta infano ne povas perei por ĉiam. Al la preĝoj de sia patrino ankaŭ Bellelable dankas sian savon. La modelan fervoron de digna pastro, kiel tiel ofte — kiam ajn — ke li estis petata apud malsanulon, ĉiam tuj venis, uzis Dio por pripensigi adjudanton Belletable'n kaj reprenigi al li kristanan vivadon. Ne la ordinaran, la ĉiutagan, sed tian kian vivas la vokitaj sur la krutan vojon de la sankteco.

Du tagojn post lia konverto la tuta garnizono de Liége sciis tion. La belga armeo estis tre malpia, kaj ofte la konvertito aŭdis mokojn pri sia religio. Ekzemple iufoje — antaŭ nelonge li estis promociita leŭtenanto — ĉe la oficirotablo en la tendaro de Beverloo. Tuj li leviĝis, rigardis fiere tra la salono kaj diris laŭtvoĉe : « Ne, sinjoroj, mi ne kontas pro mia religio. Mi servas mian reĝon, jen mia spado por lia defendo. Sed mi servas ankaŭ mian Dion, kaj jen alia armilo, kiun mi neniam forigos. » Samlempe li tiras sian rozarion el la poŝo kaj montras ĝin al ĉiuj.

« La bela oficiro », tiel nomis lin la popolo, kiam li marŝis kun sia roto tra la stratoj. Vere lia eksterajo estis vira, brava, militista, sed simpatia sen la plej malgranda aroganteco aŭ malhumileco.

« La sankta oficiro », tiel nomis lin ĉiuj, kiuj vidis lin en la preĝejo, ĉeestanta la sanktan Meson kaj ofte komunianta.

Ŝajnis, ke la tripinta ĉapelo kaj la ĉako ne povas esti kunuloj ; kaj oficiroj, kiuj promenis tra la stratoj kun ekleziulo, estis maloftajo. Sed ĉiufoje, ke la studantoj de la altgrada seminario havis libertempon, oni povis vidi la leŭtenanton Belletable'n promenanta tra la stratoj de Liége kun la teologistudanto Boermans, Venlo-ano kiel li, kaj poste episkopo de Roermond. Dum tiuj tagoj la fama Patro Bernardo, tiam loĝanto de la religiulejo de Liége, estis unu el liaj plej bonaj amikoj, kaj ankaŭ Patro Dechamps, poste kardinalo-ĉefepiskopo de Mechelen. Msro van Bommel, nederlandano, tiam episkopo de Liége, ne malofte akceptis la pian leŭtenanton.

Sed mem esti pia kaj religia, tio ne kontentigis la konvertiton. Sankta fajro estis ekbruliginta en lia animo kaj elŝprucis per la flamo de fervoro.

Kiel oficiro li estis patro por la siaj. La plenumado de lia milita devo estis neriproĉebla kaj lia roto estis tiel en ordo, ke dum la revuo la generalo laŭdis lin antaŭ la fronto de la militistaro. Ĝuste tial, ke li estis patro por siaj junuloj, li povis farigi ĉion al ili. Punado malplaĉis lin, kaj li havis propran manieron por observigi la disciplinon.

Iutage dum la ekzercado li aŭdis soldaton malbenanta. Post la fino li venigis al si la kulpulon, severe riproĉis lin, kaj minacis lin je puno, se li ne dekutimiĝus pri tiu peko. Post malmulte da tagoj la kompatindulo ree malbenis.

— Kion mi aŭdas ? Vi ankoraŭ malbenas ? la leŭtenanto indigne diris al li.



Busto de Kapitano Belletable
sur lia tombo en Huy
starigita de la kongregacioj de Belgujo
kaj Nederlando,
kaj inaŭgurita la 30 aŭgusto 1897.

— Leŭtenanto, iu premis mian piedon.

La oficiro kompatis lin, kaj ne punis lin, ankaŭ ne, kiam post kelke da tagoj la kulpulo denove malbenis. Ŝajne kolera la leŭtenanto kriis al sia roto :

— Kiu ree premis lian piedon ?

Vidante la malbonigon ĉiuloke kaŭzata per difektantaj libroj kaj gazetoj de la framasonaro disdonitaj inter la popolo, li klopodis igi ŝatata la bonan legaĵon. Lia salajro estas malalta ; kiel li faros ? Kie li venis, li ankoraŭ estis « la bela oficiro », sed lia ĉambro estis simple malriĉe meblita. Li dormis sur pajlo, uzis kotonajon anstataŭ tolajo. Lia manĝajo estis tiel mizera, ke ĝi kostis nur duonan frankon potage. Kion li tiamaniere povis ŝpari, tion li uzis por aĉeti bonajn librojn, kiujn li sendis por disdonado al la parohestroj de la plej malriĉaj kvartaloj.

En tiu tempo la unuiĝo de sankta Vincento jus komencis sian bonfarantan agadon. Al la belgaj oficiroj, la naturaj defendantoj de la patrujo kaj de la reĝo, jes estis permesita la membriĝo al la loĝio, sed ne al la unuiĝo de sankta Vincento. Kaj tamen ĝia utila laboro tre allogis Belletable'n ; kiel ano li povos fari tiom da bono. Nu, malgraŭ la maljusta malpermeso de la ministro, li estos Vincentano, li vizitos kun kunfrato la malriĉajn familiojn, li ĉeestos, je sia propra edifo, la ordinaran kunvenon de la anoj, kaj donos almozon el sia malgranda salajro. Estas vere, ke la nomo de Belletable nenie troviĝas en la nomaro, sed estas certe, ke li estis Vincentano, malgraŭ siaj oftaj translokiĝoj kaj siaj mallongaj restadoj en preskaŭ ĉiuj garnizonoj. Certe en Gent kaj en Namur. La unuiĝo de Sankta-Vincento iĝis ankoraŭ pli kara al li, kiam ĝi ekinteresiĝis je la stato de la soldatoj.

Kiam en decembro 1855 la kunfratoj eksciis la frutempan morton de sia amiko kaj kunano, ili genuiĝis en la kunvenejo kaj preĝis kiel ordinare la *De profundis*.

Sed tio ĉio ne povis kontentigi la fervoron de la konvertito. Pro sia rilato al la popolo li treege konis ĝian malboniĝon kaj danĝerojn. Tial li preĝis, ke Dio lumigu lin, kaj li pripensis rimedojn por savi kaj fortigi en la batalo ne nur kelkajn sed multajn.

En majo 1844 li opiniis, ke li estas troviĝinta la rimedon kaj li estis farinta la skizon de sia plano : religia unuiĝo, kies anoj apogos unu la alian per reciproka ekzemplo, per instruo kaj per kuna preĝado.

Ĵaŭdon 25 majo, post la maja vespera Diservo eliranta la preĝejon de la Dipatrino, li frapetis la ŝultron de la tajloro Hacken, kaj petis lin iom promeni kun li. Ŝajnas, ke li priparolis jam plue siajn planojn kun Hacken. Subite li haltis kaj diris :

— Ni devas komenci, sed kie kaj kiel ?

— Venontan dimanĉon, respondis Hacken, estas Pentekosto, la tago de la malsuprenveno de la Sankta-Spirito sur la apostolojn, kaj la naskiĝtago de la Eklezio..... Tamen pli bone ŝajnas al mi komenci lundon.

— Bone, diris Belletable, eĉ se ni devus komenci sur la placo Saint-Lambert, ni komencus.

Post tio la amikoj disiĝis kaj kvar tagoj ne ankoraŭ pasis, kiam okazis la unua kunveno de la benriĉa kongregacio de la Sankta-Familio.

Lundon 27 majo posttagmeze, dek aŭ dekdu viroj kunvenis en la domo de unu el ili, de ĉarpentisto Jongen. Leŭtenanto Belletable afable konatiĝis kun ili, preĝis la rozarion kaj faris paroladeton al ili :

« Miaj amikoj, ni devas starigi unuiĝon inter ni. Kiel kontrolisto de la reĝaj pafileg-fandejo mi vivas inter la laboristoj, kiujn mi tre amas. Sed jam de longe mi estas malĝojega, ĉar multaj el ili estas tre malfeliĉaj proprakulpe. Ili estas drinkemaj, ne plenumas siajn religiajn devojn, laboras dimanĉe, drinkas lunde kaj ne prizorgas la edukon de siaj infanoj. Vi faros grandan utilon kaj plibonigos ilian staton kaj tiun de ilia familio. Ni donos al ili bonan konsilon kaj bonajn ekzemplojn, ni plibonigos ilian staton rekondukante ilin al la religio kaj la devo. Provu varbi pli multe da anoj por nia lunda kunveno. Tie ni parolos ilin al Dio per la preĝo, kaj ni parolos al ili pri Dio per bona legado. »

Jen la unua kunveno de la ĉefkongregacio de la Sankta-Familio. Instigitaj per la vorto de la leŭtenanto la membroj disiĝis firme deciditaj varbi novajn anojn. Kaj ĉiun lundan vesperon la leŭtenanto vidis pli multe da viroj kunvenantaj kun li. La ĉambro pleniĝis ; post kelkaj semajnoj la laborejo apenaŭ povis enhavi ilin. Oni devis interkonsiliĝi..... kiam neatendite la regimento de Belletable estis translokata al Mons. La disiĝo estis malĝoja, sed la devo ordonis kaj la leŭtenanto foriris.

Sed anime li restis kun la piaj metiistoj. Ili informis lin pri la progreso de la afero en Liége, pri la unua kunveno en la kapelo kaj baldaŭ en la preĝejo de la Patroj Redemptanoj, pri la elekto de direktoro, pri la aprobo de la episkopo de Liége, Msro van Bommel. Kaj kiam la 7 aprilo 1845 okazis la unua dediĉo, kiun la episkopo prezidis, Belletable vojaĝis al siaj amikoj en Liége, kaj ankaŭ faris sian dediĉon. Li konsiladis ilin kaj pli ol unu ordoaranĝo de la kongregacio devenas de li. Kiam dum la sescentjara jubileo de la festo de l'Sanktega Sakramento la kongregacio kuniris en la granda procesio tra la urbaj stratoj, Belletable en parada uniformo, la medalo sur la brusto, estis ilia antaŭiranto.

Dank' al la klopodoj de la episkopo de Liége, kiu ĝojis kaj dankis Dion pro la multa da bono farita per ĝi, kaj dank' al la Patroj von Helt kaj Dechamps, la kongregacio de la Sankta Familio estas promociita ĉefkongregacio.

Belletable fervore eklaboris por fondigi ĝin aliloke. El tio rezultis, ke ĝi estas fondita en Mons. Kaj kiam sekcio troviĝis en la garnizonurbo, kien li estis taĉmentata, tiam li ĉiam ĉeestis la kunvenojn, en Namur, en Bruxelles, en Gand. Eĉ tiam, kiam li tie restis nur kelkajn tagojn. Ekzemple en majo 1852 la membroj de la kongregacio en la preĝejo de la Dipatrino Munster en Roermond vidis lin ĉeestanta ilian kunvenon.

La unuan ideon kaj la projekton de la ĉefkongregacio de la Sankta-Familio ni do dankas al tiu ĉi laika apostolo en uniformo kaj krom tio, li per sia ekzemplo kaj fervoro multe helpis al ĝia plivastiĝo.

Kiom da bono li faris per ĝi ! Kiom multe Nederlando ŝuldas al ĝi ! Ĉar post Irlando ĝi etas la lando en kiu la « Sankta-Familio » plej prosperas. De la 2.136 sekcioj unuiĝitaj kun la ĉefdirektado Nederlando havas 521, nekalkulate la sekciojn, kiuj ne estas aligitaj.

La bonon, kiu rezultas el ĝi, menciis en 1887 *Neerlandia Catholica*. Ni nur citas : « La kongregacio liveris centojn da zuavoj por la defendo de la papaj rajtoj, kaj multaj estas mortitaj kiel martiro. Ĝi estis en pluraj urboj kaj vilaĝoj de nia patrujo la instiganto de multe da bonaj faroj je plibonigo de la morala kaj socia stato de la laboranta klaso, ekzemple : helpkasoj por malsanuloj kaj maljunuloj, ŝparkasoj, libropruntejoj, kudristinunuiĝoj por la vestado de malriĉuloj kaj por la preĝejaj necesajoj, vesperaj kaj dimanĉaj lernejoj por la junularo, unuiĝoj de sankta Vincento, de sankta Josefo por la junaj laboristoj, k.t.p. »

Fine ni diras, ke kie prosperas la ĉefkongregacio de la Sankta-Familio, ĝi estas potenca armeo kontraŭ la pereigaj principoj de la socialismo per siaj miloj da membroj. Tiamaniere la kongregacio estas laŭdata kaj rekomendata de Leono XIII-a en lia brevo al la plej granda unuiĝo de la mondo, tiu de Limerick (Irlando), tiam havanta 5.000 anojn, 8-9.000.

Kiam mortis Belletable, Nederlando nur havis dekon da sekcioj, sed la relative malmultaj tiamaj membroj volis konservi por la posteulo la memoron de sia fondinto, kaj tial ili disdonis memorigajon, en kiu ili honoras lin kiel edzo kaj patro, kiel meritplena militisto kaj honesta civilulo. « Sed precipe per siaj kristanaj virtoj, sia granda pieco kaj sia senlaca laborado por pligrandigi la prosperon de sia proksimulo, li akiris la estimon de ĉiu en plej alta grado. »

Tiu ĉi laika apostolo en uniformo meritas estis prenata kiel ekzemplo ankaŭ en nia tempo.

Chr. Bomaars, CSSR.

*Tradukis* Fr. M. Monulfus.

## La kresko de Katolikismo en Anglujo

Oficialaj ciferoj kompilitaj de la redaktoro de la *Catholic Direktory* montras, ke la nombro de konvertitoj ricevitaj en la katolikan Eklezion en Anglujo kaj Kimrujo dum la pasinta jaro estis 11.980. Tiu nombro estas iomete — 95 ĝuste — malpli ol dum la antaŭa jaro. En la eparĥio Westminster estis ricevitaj 1.487, Birmingham havis 1.039, kaj tiel plu tra la dekok eparĥioj ĝis Menevia kun 110. Aliaj interesaj sciigoj estas, ke dum la pasinta jaro kvardek-ses novaj preĝejoj (aŭ kapeloj) malfermiĝis, kaj la nuna sumigo de tiaj konstruajoj estas 2.274. La altgradaj lernejoj pliiĝis de 511 ĝis 519, sed la unuagradaj lernejoj malpliiĝis de 20, la nuna nombro estas 1.331. Oni klarigas tiun malpliĝon per la nova grupita projekto, kiun ekfunkciis dum la jaro. La lernantoj en la unuagrandaj lernejoj sumigas 384.129. La *Directory* montras, ke dum la jaro 1931 23.631 edziĝoj okazis, kaj 66.128 infanoj baptiĝis. Laŭ la plej kredinda takso, estas en Anglujo kaj Kimrujo 2.135.236 katolikoj.

Leo Dukes.

## Tuj respondu nian alvokon!